# KATOLIKA MONDO

Ĉefredaktoro : Kaspar MAYR, London, 16, Red Lion Square. Redaktoro : W. Solzbacher, Honnef a. Rh., Spiesgasse, Germ. Kunredaktoroj : Patro M. Carolfi O. F. M., Italio, Prof. P.J. A. Muffang Francio. Pastro J. Makara, Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika kun junula aldono « La Juna Batalanto »




7a - Kolekto n° 11 — Oktobro 1926

Eldonejo kaj ekspedejo : Katolika Mondo Elberfeld, (Ger.) Poŝtĉekaj kontoj : Budapest 59169 - Koeln 76105 Warszawa 190972 Paris 80061, Praha 77396 Wien 162473.

# LA VOKO DE LA PACO

**La arboj de la paco en Reims — La kongreso de Bierville — En la detruitaj regionoj**

La junularo marŝas. La paco marŝas. La paco per la junularo !

Kiu estus pensinta, ke jam ok jarojn post la plej terura de ĉiuj mondmilitoj la du grandaj kulturnacioj Francujo kaj Germanujo, kiuj dum jarcentoj malamike interbatalis, sur la ĉefplaco de la urbo *Reims* ( Kiu ne scias pri la Katedralo de Reims ?) plantos kiel signon de la interpaciĝo *arbon de la paco* ? Ĉi tio okazis la 2 aŭgusto 1926, preskaŭ ekzakte 12 jarojn post la eksplodo de la milito. Ja je plej granda parto estis la junularo, kun kies kantoj la juna arbo estas konfidita al la tero. Sed la franco *Marc Sangnier*, arda katoliko, la patro de tiuj packongresoj, ne plu estas unu el la junuloj. Per mirantaj okuloj la loĝantoj de Reims, junaj kaj maljunaj, rigardis la admirindan scenon. Ili apenaŭ povis kompreni, ke sur tero, kie ankoraŭ antaŭ malmultaj jaroj la milito furiozis, nun preskaŭ 30 nacioj unuiĝas por montri sian volon al la paco. Nur tiu povas ĝuste kompreni tiun okazaĵon, kiu mem vidis tiujn terurojn, tiun miloblan morton, tiujn ondojn de mensogo kaj malamo kiuj tiam inundis la tutan mondon.. Sed pli kaj pli cedas la ondo de la malamo al la ideo de la paco. Kaj tiel la entuziasma ovacio al Marc Sangnier de multaj centoj da germanoj ( la plej multaj el la katolika Suda kaj Okcidenta Germanujo) ne estis nura teatraĵo, ĝi pruvis la revenon de la koroj al la frata amo. Nia kunlaboranto retenis en bildo la historian momenton de la plantado de l'paca arbo, same la momenton, kiam Marc Sangnier sur la ŝultroj de junuloj diversnaciaj estas suprenlevata.

Speciale afable oni akceptis la kongresanojn en la malnova urbo *Amiens* kun ĝia belega katedralo, kies internaĵo dum la milito estis protektata kontraŭ la detruo de la milito per dikaj pajlaj kaj lignaj manteloj. Kiam la ideo de la paco iam estos venkinta, kiam la arbeto de Reims estos fariĝinta granda arbo, kiam la Regno de Kristo realiĝos, tiam ni ankaŭ havos la Pacon de Kristo. Tiam la preĝejoj ne plu bezonos artefaritan protekton. Oni povas kompreni, ke protestanta pastoro, kiu ankaŭ partoprenis la kongreson, diris, ke al li ŝajnas, ke nun estas venanta la miljara regno, pri kiu la profeto Johano skribis en sia apokalipso. Tiel la vojaĝo tra Francujo de kelkaj miloj da kongresanoj ĉiulandaj fariĝis krucmilito en plej bona senco, kontraŭ milito kaj amasbuĉado de la popoloj.

*Kaj la kongreso mem !* En *Bierville* leviĝis vasta tendaro, la franca ministro de la *milito* ( Painlevé ) donis la tendojn kaj alian materialon de la armeo por la kongreso de la *paco*. 5000 homoj kaj precipe junaj homoj tie kunvenis. Ilia kunvivado kaj la bela naturo, la kantoj kaj dancoj de la junularo, la montoj kaj arbaroj, la ombrodonaj arboj de la parko kaj la murmuranta rivereto, la verdaj herbejoj kaj la pura aero, ĉio kuniĝis al stranga delikata harmonio, al pli alta atmosfero.

Kaj kiam ni frumatene kunvenis sur la Kalvario ĉe la altaro sub libera ĉielo kaj festis la sanktan meson, preĝante al Li, kiu ne mortigis, sed lasis sin mortigi, kaj kantolaŭdante Marion, Reĝinon de la Paco ; aŭ kiam ni aŭskultis la parolojn de grandaj homoj, de Marc Sangnier, episkopo Julien, Francesco Nitti k. a. ; aŭ kiam ni mem parolis, montrante la



voladon kaj agadon de la nova junularo ; aŭ kiam ni vespere ariĝis ĉirkaŭ kampofajro, kantante pri libereco kaj ĝojo, pri amo kaj sopiro, paco kaj frateco, aŭ kiam ni trovis amikon inter la fremdlandanoj, tute forte sentante la spiritan parencecon kaj la komunan sopiron: tiam ni sciis, ke komuna ligilo kunigas ĉiujn homojn sur ĉi tiu tero, kaj el niaj koroj al la ĉielo leviĝis preĝo, ke ĉiuj homoj, rekonante unu komunan patron en la ĉielo, amu unu la alian kiel fratoj !

Pri la evoluo de la kongreso ni ne volas paroli ĉi tie. La grandaj ĵurnaloj ĉiulandaj ja detale raportis. Ĝi estis granda progreso de la paca movado kaj bone sukcesis malgraŭ kelkaj malfacilaĵoj. La plej granda el ĉi tiuj malfacilaĵoj estis sendube la *lingva* problemo. Kiam oni ĉe tiaj kongresoj eltrovos la ovon de Kolumbo, t. e. Esperanto ?

Tamen ankaŭ la Esperanto-propagando bone sukcesis :

Jam antaŭe la kongreso faris propagandon *per* Esperanto ( Vi ja vidis la anoncojn en K. M.). Tion ni dankas al nia samideano *Delancue* en Paris, kiu ankaŭ dum la kongreso bonege laboris. Ĉeestis multaj Esperantistoj, eble 70: angloj, aŭstroj, francoj, germanoj, hispanoj, poloj, portugaloj, rumanoj ; inter ili estis pli ol 30 *MOKA-anoj*, precipe germanaj. La delegitoj disdonis kelkajn centojn da numeroj de la « *Juna Batalanto* », kiu ankaŭ en la kongreslibrejo estis aĉetebla. Flugfoliojn, malgrandajn lernolibrojn kaj Ĉefeĉ-ŝlosilojn diverslingvajn oni disdonis grandnombre. La 16 aŭgusto okazis speciala *kunveno de la Esperantistoj* sub prezido de *Wilhelm Solzbächer*. Estis iom stranga bildo, kiam li kun la granda brakrubando, kiu portis la surskribon por la germanoj kaj kelkfoje ankaŭ por la aliaj en la tendaro kaj ĉe la kongresparoladoj), gvidis tian « komploton por forigo de la tradukistoj » ! Ĉe la kunveno S-ro *Delanoue* raportis pri sia agado ĉe la prepara komitato de la kongreso, poste pri rezolucio de la Ia IKUE-kongreso en Spa ( kiun li partoprenis ) gratulanta pro uzo de Esperanto en kongresinvitoj. La prezidanto laŭtlegis kelkajn leterojn en Esperanto al la kongreso el diversaj landoj, fine multaj gesamideanoj parolis, diskutante pri propagandmetodoj ĉe la kongreso. — En la raportoj kaj diskutadoj oni ofte nomis Esperanton. Ekz. Harold Bing en sia parolado pri la *brita junularo* sciigis, ke oni nun en multaj progresemaj junulgrupoj de Anglujo komencas studi Esperanton. En ĉiuj tri komisionoj oni parolis pri ĝi. En la dua komisiono (prezidata de Joannès Christophe, Harold Bing kaj Wilhelm Solzbacher ) Harry Clement ( anglo ) postulis ĝian enkondukon en ĉiujn lernejojn. Li ankaŭ ĉe la dua plena kunsido de la kongreso postulis tion en sia parolado. En la tria komisiono oni preparis *resolucion*, kiun la fina kunsido de la kongreso unuanime akceptis : *La kongreso postulas akcepton kaj ĝeneralan uzon de internacia helplingvo por plifaciligi la internaciajn rilatojn laŭ lingva vidpunkto.* La nomon de Esperanto oni ne uzis, ĉar ĉeestis kelkaj idistoj kaj oni ne volis kaŭzi nenecesan diskutadon. — Ĉe la kongreso ankaŭ okazis granda *Festo de la Paco*. Tie en la teatro venis naciaj grupoj el ĉiuj landoj kun siaj flagoj kaj laŭdis la pacon, ĉiu en sia lingvo. Unue venis la francoj, poste la germanoj, post ili la britoj, kaj ĉiuj vokis en siaj lingvoj ; kaj fine venis ĉiuj aliaj nacioj kun vera arbaro da standardoj, kaj ilia parolanto estis nia samideano *Delanoue*, kiu havis verdan flagon en la manoj kaj parolis en Esperanto. « Vivu la Paco ! » ripetis en Esperanto la tuta homamaso el 30 landoj. Vere belega simbolo : La malgrandaj popoloj postulas kontraŭ la

hegemonio de la grandaj lingvoj egalajn rajtojn por si — per Esperanto !

***

Post la kongreso de Bierville ni estis en la detruitaj regionoj. Grupo da germanaj junuloj en la vestoj de nia movado kaj kun standardoj kaj gitaroj. En tendoj ni dormis, kaj piede ni marŝis la plej grandan parton de la vojo inter Amiens kaj Lille. Kaj ni vidis la ruinojn kaj la dispafitajn arbotrunkojn, la restaĵojn de la tranĉeoj kaj subteraj kuŝejoj, vidis la terurajn postsignojn de la bataloj, vidis krucojn kaj tombejojn. Kaj ni parolis al la loĝantoj de tiuj regionoj....

Ni staris sur la altaĵo de Loreto ĉe Arras kaj rigardis malsupren. Ĉio estas unu granda tombejo. Kaj ĉe la horizonto oni vidas jam aliajn tombejojn, anglajn, germanajn, kanadajn... La plej teruraj bataloj tie okazis. Centmiloj da homaj fratoj kuŝas ĉi tie sub la tero. Terura impreso ! Kaj sur la monteto staras monumento, alta turo, en kiu brulas eterna flamo honore al la mortintoj de Artois kaj Flandres. Kiel memoriganta kaj predikanta fingro la monumento leviĝas ĉielen. Kaj ĝi havas surskribon — episkopo Julien de Arras estas la aŭtoro — :

« Vous qui passez en pélerins, près de leurs tombes,
Gravissant leur calvaire et ses sanglants chemins ;
Ecoutez la clameur qui sort des hécatombes :
Peuples, soyez unis ; hommes soyez humains. »

« Vi, kiuj pilgrimante preterpasas iliajn tombojn,
Pasante sur ilia Kalvario kaj ĝiaj sangomakulitaj vojoj;
Aŭskultu la krion elirantan el la hekatomboj :
Popoloj, unuiĝu ; homoj, estu homaj ! »

Ni aŭskultis la krion, ĝi resonas en niaj oreloj kaj vekas eĥon en niaj koroj.

Ni silentis. Niaj standardoj flirtis en la vento, kaj sur ili niaj simboloj, kruco kaj stelo, salutis la francan landon.......

DU ĈEESTINTOJ.



# Internacia Konferenco de la Katolikaj Laboristaj Unuiĝoj okazis 16 ĝis 18 sept. en Antwerpen (Anvers)

Ni jam havas internacion de la kristanaj sindikatoj. Baldaŭ ni ankaŭ havos internacion de la katolikaj laboristaj asocioj ! En la lastaj jaroj jam estis preparaj konferencoj, en nunjara septembro okazis granda internacia konferenco en Antwerpen. Prezidis *P. Rutten O.P.* (Belgujo), membro de la belga Senato. Apud li sidis ĉe la estrartablo deputito *Heyman* ( Belgujo ), deputito *Joos* (Germanujo), P. *Danset S. J.* (Francujo), Mgr. *Poels* (Nederlando), *P. Frodl* (Aŭstrujo) P. *O'Hea S. J.* ( Anglujo ), *P. Kotowski* ( Polujo ) kaj *P. Arnou*, delegito de la Internacia Labor-Oficejo en Genève. La papo sendis salutleteron.

*Deputito Joos* donis la unuan raporton. La katolikaj laboristoj en *Germanujo* en la intelekto malaprobas la klasbatalon. Tamen laŭ la sento ili havas profundan malsimpation kontraŭ la posedantaj klasoj, precipe ĉar tiuj predikas rigidan koncepton de la posedo, kredante, ke la bonoj de ĉi tiu tero nurestas destinitaj por unu parto de la homoj, kiuj ne havas devojn al la aliaj. Precipe bedaŭrinde estas, ke ĝenerale ekzistas nenia diferenco inter katolikaj kaj nekatolikaj entreprenistoj. Ĉar ankaŭ la katolikaj entreprenistoj fariĝas ĉiam pli reakciemaj, la tendencoj en la katolika laboristaro iras maldekstren.

*P. Rutten O. P.* raportis pri *Belgujo*. La rilatoj al la entreprenistoj estas similoj kiel en Germanujo. La socialistoj en Belgujo en la lasta tempo fariĝis malpli kontraŭreligiaj. La kristanaj laboristoj havas multajn reprezentantojn en la parlamento. Konservativaj politikistoj havas neniun influon al ili.

*P. O'Hea S. J.* parolis pri *Anglujo*. La katolikaj laboristoj tie havas nur malmulte da influo. La Liberala Partio estas mortinta. La katolikoj, kiuj iam apartenis al la Konservativa Partio, transiras pli al la *Laborista Partio*, kiu ne estas socialista en la kontinenta senco de tiu vorto.

*P. Danset S. J.* raportis pri Francujo. Tie ne ekzistas katolikaj laboristaj unuiĝoj kiel en aliaj landoj. Oni bedaŭras, ke oni ne povas fondi grandan socialan ĉiutagan ĵurnalon.

*S-ro Schutte* parolis pri *Nederlando* kaj *P. Kotowski* pri Polujo, kie la katolikaj laboristoj estas forte kontraŭsocialistaj.

Speciale oni longe diskutis pri la kristana *doktrino pri la posedo*. *P. Frodl* ( Aŭstrujo ) faris referaton laŭ filozofia, Mgr. Poels ( Nederlando ) laŭ teologia kaj Mgr. *Müller* ( Germanujo ) laŭ praktika vidpunkto. Oni fine elektis komitaton por studi la posedproblemon. Ĝi konsistas el P. Rutten ( Belg. ), Dr. Müller, Mgr. Walterbach kaj redaktoro Elfes ( Germ. ), Mgr. Poels ( Nederl. ) P. Danset ( Franc. ) kaj P. Frodl ( Aŭstr. ). — *P. Arnou* faris paroladon pri la *Internacia Laboroficejo* kaj alvokis la katolikojn kunlabori por gajni pli fortan influon en tiu organizo. — En la ferma kunveno ĉefe parolis la germana eksministro Stegerwald. — Oni nun volas fondi *Internacian Sekretarieĵon de la Katolikaj Laboristaj Unuiĝoj* sub gvido de *P. D-ro Coleux en* Belguoj.

# Leterkesto

**En la felietono** aperos
« Plora Tempo », originale verkis Lawrence Gonsalves (Britisch West Indies) ;
« El la Fabriko » originale verkis Helene Fiedler (Hungarujo) ;
« Fabelo pri papavo », de Eckert-Wecker Saaz (Ĉeĥosl.)

Belan novelon originale verkitan aŭ bonstile tradukitan ni ankoraŭ povus akcepti por K.M.

**Manuskriptojn** urĝajn ĉiam sendu al Honnef ! Se ili havas tempon, oni povas ankaŭ sendi al London, Elberfeld aŭ al unu de niaj kunredaktoroj !

**Kunlaborantoj !** Preskaŭ ĉiun manuskriptonj la redaktoro devas nove skribi. Por ŝpari al li tempon kaj laboron, bonvolu ĉiam atenti jenajn regulojn :

1. Skribu bone legeble !
2. Skribu nur sur unu flanko de la papero !
3. Lasu malgrandan interspacon inter la linio por eventualaj korektoj !
4. Aktualajn sciiĝojn sendu ĉiam tuj !
5. Skribu mallonge kaj en simpla stilo !

W. S.

# La Reĝeco de Kristo

De Prof. P. *Modesto Carolfi* O. M. (Cortemaggiore) · Parolado farita ĉe la IKA-Kongreso en Einsiedeln.

Sankta Francisko de Assisi promenis en la arbaro ĝoje kantante. Li renkontis rabistojn, kiuj demandis lin, kiu li estas kaj kial li estas tiel ĝoja. Ridetante Francisko respondis al ili : « Mi estas la heroldo de la granda reĝo ». Aŭdante tiujn parolojn, ili furioze ĵetis lin en la neĝon kaj batis lin.

Malgraŭ la malbona traktado, kiun ili suferigis al li, Sankta Francisko ne malpli restis la mirinda heroldo de la reĝeco de Kristo, de la reĝeco, kiu apartenas al li kiel : Dio kaj kiel homo.

En nia epoko malkvieta kaj revolucia la sepcentjara jubileo de la morto de Sankta Francisko proklamas ĝin ĉiam same laŭte kiel iam tiu, kiu kantis kaj kantante vokis la homojn al Jesuo, la granda reĝo.

Tial estas bone komprenehle, ke franciskano, la patro Aŭgustino, iniciatis la aranĝon de la unua kongreso por la Reĝeco de Kristo.

Do ne surpriziĝu, karuloj, ke nun alia fran ciskano volas paroli al vi pri tiu evidenta reĝeco de Kristo, kaj ke, parolante al vi, li lasas liberan kuron al la tuta admirado, kiun li dediĉas al Kristo.

La reĝeco de Kristo estas reĝeco de la amo, kies grandecon kaj tutan belecon kompreni estas malfacile.

*La reĝeco de Kristo en la individua homo kiel bazo de la reĝeco de Kristo en la socio !*

Mi klopodos paroli mallonge kaj klare.

La vera homa vivo devas esti farata de vereco, boneco kaj amo.

Ĉiutage ni devas serĉi la veron, sed ekstere de Kristo ni ne povas trovi ĝin. Li estas la vero, esence la vero. Do li havas la rajton regi sur nia intelekto, kaj nia intelekto devas submetiĝi al tiu regado, el kiu ĝi ĉerpas sian liberecon.

Jesuo ordonis al siaj disĉiploj, iri tra la tuta mondo, predikante la evangelion al ĉiu homa kreaĵo. Tiu, kiu kredos kaj estos baptata, estos savata ; sed tiu, kiu ne kredos, estos kondamnata. Eĉ se Jesuo ne estus ordoninta tion, la logiko postulus ĝin.

Kiel Sankta Aŭgustino diris : « Maltrankvila estas nia koro, ĝis kiam ĝi trankviliĝos en vi. », ni povas ankaŭ diri, ke nia spirito ne havos la pacon, ĝis kiam ni ripozos en Kristo.

Unue nia spirito ripozanta en la vero, kiu estas ĝia direkta objekto, klopodos adaptigi sian penson kaj sian volon al la volo de Kristo.

Tial la papo en la encikliko diras kaj memorigas : ke estas necese, *ke Kristo regu en la spirito*, kiu per sia kompleta submeto ĉiam devas firme akcepti la verojn revelitajn de la doktrino de Kristo.

La homo ne nur devas voli, li devas fari tion, kion Kristo al li ordonas, ĉar Kristo estas la leĝo kaj estas la vojo.

La homa volo ĉiam instinkte serĉas sekvi vojon, sed ĝi ne bezonas vojon malcertan, sed certan. Por montri al ni tiun certan vojon, kiu ofte perdiĝas en la granda batalo de la krimoj kaj pasioj, Kristo venis sur la teron kiel hela lumoturo.

Jesuo Kristo estas la boneco, la leĝo de la mondo, la majstro, kiu montras la komencon de la bono, kiun ĉiu homa animo devas plenumi.

Do Li sola devas regi.

Se estas ofte sklavaĵo fari la volon de aliaj, tute ne estas la sama afero, plenumi la volon de Kristo. Servi Dion, diris Sankta Paŭlo, estas regado, kaj la regado de Kristo alportas la sentadon de la vojo kondukanta al la vivo.

*Kristo regu do en la volo*, kiu devas obei al la diaj ordonoj kaj leĝoj (Pio XI a) !

Jesuo Kristo estas la amo, « Deus charitas est ». Ni kiuj estas naskitaj en arda entuziasmo de amo, ni ĉiuj sentas la bezonon de la Dia amo, kiu devas kompletiĝi en la fordono de nia koro.

La bildo, kiun Dio enpresis en nin, estas, laŭ Sankta Bernardino de Siena, en la kapableco de la homo, ami ; ami ne la aĵojn pasantajn, sed tiujn, kiuj restas, ĉar la amo estas pli forta ol la morto. La homo forgesis tiun fonton de la amo

# La katolika laboristaro kaj Esperanto

**FRANCUJO.** *La Sindikatoj de la Salajruloj de Komerco kaj Industrio* (Syndicat des Employés du Commerce et de l'Industrie), kies membroj konsistas el katolikoj, malfermos Esperanto-kurson en Paris. La unua leciono estos donata per S-ro Delanoue, delegito de UEA, sub la prezido de nia amiko Charles Gravey. Ni esperu, ke tiu kurso havos multnombrajn lernantojn, kiuj tiel povos konatiĝi pli bone kun la internacia vivo.

Ch. G.

**GERMANUJO.** En la *katolika laborista junularo*, ekz. en la movadoj de « *Jungborn* » kaj « *Kreuzfahrer* » kaj en « *Kath. Gesellenverein* » (katolikaj junmetiistaj unuiĝoj) oni nun komencas pli multe lerni Esperanton. Por la sekvonta vintro oni intencas fortan propagandan militiron. Detaloj sekvos en K. M. kaj J. B.

S.

# Al la katolika laborista Esperantistaro tutmonda !

Gravaj taskoj atendas nin, la katolikajn laboristajn Esperantistojn.

Multaj profesioj jam unuiĝis internacie, por akiri al siaj anoj rajtojn kaj leĝojn samvalorajn en ĉiuj landoj de la tuta tero. Ankaŭ la katolika laboristaro devos sekvi.

Tiam oni bezonos nian helpon, ĉar por internacia organizo ankaŭ internacia lingvo estas nepre necesa.

Ankaŭ ni bezonas internaciajn leĝojn kaj ni des pli baldaŭ ilin akiros, ju pli baldaŭ ni havos vere perfektan kaj bone funkciantan internacion.

Ni katolikaj laboristaj Esperantistoj devas prepari la kampon : Propagandi Esperanton inter la diversaj naciaj laboristaj organizaĵoj ; traduki la naciajn socialajn leĝojn Esperanten ; interkompari ilin por elĉerpi la pli taŭgajn por internacia laborista leĝaro kaj rajtaro. Por tiu ĉi laboro ni bezonas antaŭ ĉio :

1e Esperantistan laboristan internacion ;

2e komunan programon.

La lastan ni jam havas per la encikliko de Papo Leono XIII pri la laborista problemo ; la unuan ni kreu !

Kiu konsentas en tiu direkto, skribu, tute egale, ĉu unuiĝo aŭ unuopulo, al **Esperantista Laboristaro Kristana de Aŭstrio** ( ELKA ), **WIEN 65**, Fach. 21.

# Venu al Essen !

La IKA-movado precipe en la okcidentgermana industria regiono ĉiam gajnas pli multe da anoj. Speciale en Essen, iama urbo de la kanonfabrikoj, la paca movado bone progresas. Niaj Essenaj pioniroj kaplano Blum kaj advokato D-ro Hinsenkamp nun invitas niajn okcidentgermanajn geamikojn al kunveno por dimanĉo, 17 oktobro. **Je 3.30** h posttagmeze estos en la kapelo de la monaĥinoj « im Hagen » ( tute proksime ĉe la Essena ĉefstacidomo) diservo en Esperanto. Kaplano Wachowski el Elberfeld faros la festpredikon en Esperanto. Post la diservo komenciĝos la kunveno. Kaplano Blum raportos pri la nunjara kongreso de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj, kaj niaj amikoj Thömmes (Elberfeld) kaj Solzbacher (Honnef) parolos pri siaj impresoj en Francujo kaj ĉe la nunjara IKA-kongreso en Einsiedeln. Samideano Solzbacher speciale parolos pri la signifo de Esperanto por la katolika junularo tutmonda kaj donos praktikajn informojn pri la propagando. Oni esperas, ke la kunveno estos bela sukceso de nia ideo kaj instigos multajn Essenanojn partopreni en la Esperanto-kursoj komenciĝontaj en la proksimaj semajnoj.

Ni petas niajn geamikojn en aliaj grandaj urboj imiti la belan ekzemplon de niaj Essenaj propagandantoj, agante kiel ili por Esperanto, paco kaj katolikismo. La IKA-centrejoj en Essen kaj Elberfeld volonte donos praktikajn konsilojn.

# Mallongaj sciindaĵoj katolikaj

**Ĥinaj episkopoj.** La 24 oktobro, la papo benos en la Katedralo de Sankta Petro ses ĥinajn episkopojn. Ili estas la unuaj ĥinaj indiĝenoj, kiuj fariĝas episkopoj kaj al kiuj estos donata la zorgo pri la ĥinaj katolikoj.

**La germana «Katholikentag»** estis en Breslaŭ. La katolika Esperanto-grupo « Unueco » aranĝis specialan Esperanto-kunsidon, kiu bone sukcesis.

**En Bierville** ( Franc. ) ĉe la Internacia Demokrata Kongreso por la Paco ĉeestis la episkopoj Mgr. Julien de Arras kaj Mgr. Gibier de Versailles. La papo sendis saluttelegramon, en kiu li speciale atentigas pri la mizero de la katolikoj en Meksiko.

**La vatikana misia ekspozicio** depost la 9 majo estas fermita. Granda parto de la objektoj venos en misian museon, kiu troviĝos en la Laterana Palaco.

**Centjara pastro.** La 27 septembro kanoniko Lamal en Mechelen-Malines (Belgujo) festis sian centan naskiĝtagon. Li naskiĝis en Campenhout la 27 septembro 1826.

**La litovoj en Chicago** havas naŭ katolikajn parohojn kaj naŭ preĝejojn (laŭ « Litova Stelo»).

**Kardinalo Touchet,** episkopo de Orléans, mortis. Li estis 78-jara.

**La nederlanda parlamento** ( Dua Ĉambro ) denove elektis prezidanto la gvidanton de la Romkatolika Ŝtata Partio Jonkheer Ruys de Beerenbrouck.

# Recenzejo

*Ĉiuj libroj recenzitaj en K. M. kaj ĉiuj aliaj Esperanto-libroj kaj katolikaj verkoj en naciaj lingvoj estas haveblaj per la eldonejo « KATOLIKA MONDO », LIBREJA FAKO, ELBERFELD, Germ. Samideanoj, aĉetante librojn, subtenu VIAN gazeton !*

**Internacia Mondliteraturo,** submetata al la gvidado de prof. D-ro Joh. *Dietterle,* direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.

La firmo *Ferdinand Hirt u. Sohn* en Leipzig havas grandan meriton je Esperanto, eldonante la plej bonajn verkojn de la mondliteraturo. Ĵus estas aperintaj la volumetoj 17-19 : *Insulo de feliĉuloj* de August Strindberg, *Barbaraj prozaĵoj* de Prudenci Bertrana, tradukita el la kataluna originalo, kaj *Ano de l'ringludo* de Dinko Ŝimunoviĉ, el la kroato originalo tradukita. Ĉiu volumeto kostas 1.60 RM.

**Esperanto-Handwörterbuch von Bennemann.** Jus aperis ĉe la Esperanto-eldonejo Ferdinand Hirt u. Sohn en Leipzig la dua parto *Germana-Esperanta.* Jam en la jaro en 1923 eliris de la sama aŭtoro la unua parto : Esperanta-Germana. Kvankam jam ĉi tiu verko estis eminenta pliriĉigo de la Esperanto-instruiloj por la germanaj lernantoj kaj lertuloj, la dua parto estas vere rimarkinda progreso kaj laboro, kiun oni povos eble imiti, sed ne superi. Sole la fakto, ke la du partoj de la vortaro estas verkitaj de la sama aŭtoro prefero, kiun oni ne ofte trovas en la historio de la vortaroj. Ni rekomendas ambaŭ partojn al niaj germanaj amikoj !

**La Floretoj de S. Francisko,** klasika itala verko de la XIII jarcento. Esperantigita de *F. Pizzi,* kiun antaŭparolo de P. P-ro Modesto Carolfi O. M., Eldonejo A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Ital.) 1926, 174 pĝ., pv. 8 L + 2 L por poŝto Havebla por Libreja Fako de K. M. por 2 sv. fr. aŭ 1. 60 RM afrankite.

Jen perlo ! En la franciskana jaro 1926 ĉiu devas nepre legi la « Fioretti », tiun plej belan dokumenton de la vere franciskana spirito de ĝojo kaj simpleco, en la bonega traduko de nia amiko prof. Pizzi. Por pli inde prezenti ĝin al vi, ol ni povas ĉi tie, ni represos en la sekvonta numero de K. M. la antaŭparolon, kiun nia kara amiko P. Carolfi verkis por ĝi !

tial Dio fariĝis homo kaj malfermis sian koron sur la kruco en plej alta sento de amo, por revoki la homojn al ilia devo, t. e. ami la amon, kiel diris Sankta Francisko. «Restu en mia amo, oni legas en la Evangelio ; kiu akceptas miajn ordonojn kaj plenumas ilin, tiu amas min ».

Jes, ni sentas la devon ami, ĉar en la naturo mem kaj pli multe ankoraŭ en ni estas sopiro al tiu reĝeco, kiu komplete kaj perfekte trankviligas niajn korojn.

*Ke li do regu en la koroj,* kiuj pli kaj pli liberiĝante de la teraj amoj devas ami Dion pli ol ĉion kaj devas unuiĝi kun Li.

Kio do estas tiu reĝeco ? Tio estas la kompleta posedo de Kristo *en* ni. Li tute fariĝas nia, diris Mgr. Sinibaldi en la tre interesa parolado en la kongreso de Milano, Li fariĝas tute nia, kaj ni fariĝas tute liaj. Kiam Li eniris en nian animon, li ekposedas nian vivon, Li tenas ĝin, direktas ĝin kaj tiel altiras niajn korpojn al sia tre sankta vivo, Lia posedo en ni ne povus esti pli kompleta, ĉar ĝi etendiĝas al ĉiuj niaj fortoj. Tiel ni estas la servistoj, la feliĉaj servistoj de Kristo, kaj Jesuo estas nia majstro, nia Reĝo.

Jesuo sidiĝas en nia koro, diras Sankta Gregoro, kiel sur sia trono.

Tio estas la realiĝo de la krio de Sankta Paŭlo: Ne mi vivas, sed Kristo vivas en mi, tio estas la konformeco de nia koro al la koro de Jesuo. Tial Sankta Johano, konstatante la triumfon de tiu reĝeco en Sankta Paŭlo, diris : Cor Pauli cor Christi.

Li do estas la sankteco, la perfekteco, la harmonio de nia animo, kaj tial ni povas nomi ĉiun sanktulon reĝa triumfo de Kristo.

***

La socio estas formata per la individuoj, kaj ĉiu individuo alportas pli aŭ malpli sian parton en pensado, agado kaj sentado. El tio venas la logika sekvoj de la reĝeco de Kristo en la individuo rilate al la socio, sekvoj, kiujn oni povas resumi en la programo de nia nuna papo : La Paco de Kristo en la Regno de Kristo !

***

*La paco en la spiritoj.* Se ĉiuj individuaj spiritoj submetas sin al Kristo kiel esenca vero, se ili kredas tute kun la Dia Vorto, kiu revelas al ni ĉiujn aferojn, konfesas tute kun tiu Vorto, kiu ĉion konfesis, tiam la vero brilos super la socio ; tiam la vero unuigos la intelektojn, la spiritojn, kaj racionalismo aŭ liberpensismo necese pereos.

*La paco en la volo.* Jesuo, kiu estas la sola leĝo de la socio, kiu ripozas en la delira turniĝo de la teorioj, bazita sur absoluta principo, la alta principo de la leĝo de Kristo, kiu estas la bono, ĉar ĝi venas de la esenca bono. Tiel tie definitive estos adiaŭata la laikismo, tiu malsano, tiu pesto, kiel ĝin nomas la papa encikliko, kiu rifuzas la devigan submeton al Dio, kiu perdigas al la individuoj kaj eĉ al la socio la unuecon, la harmonion kaj sekve la pacon. Ne plu la kredo, sed la « kredoj », diris P. Garaguani en Milano, ne plu la moralo, sed la moraloj ; tial en la vivo disputoj, dividoj militoj doloraj kaj daŭraj bataloj inter la politikaj partioj kaj la sociaj klasoj.

*La paco en la koroj.* La triumfo de Kristo estas la vera triumfo de la amo ; donu al Li korojn, kiuj amas Lin, kaj la socio vivos en harmonio. Malamo kaŭzas disiĝon, amo kaŭzas unuecon ; sed nur se tiu amo, kiu estas la unuiganta ligilo de ĉiuj homoj, estas plialtigata kaj direktata per la suvereneco de la Sankta Koro de Jesuo, nur tiam la paco de Kristo en la mondo triumfos kun la Regno de Kristo.

Dum la monato Junio de la jaro 1425 la urbestraro de Siena laŭ invito de la granda franciskano Sankta Bernardino de Siena starigis sur la fasado de la Urba Palaco, en la sama loko, kie troviĝis la blazono de la grafo, la nomon de Jesuo en oraj literoj sur ultramara fundo, kiun oni ankoraŭ hodiaŭ povas vidi.

La nomo de Jesuo estis bela novaĵo, por preludi al la triumfo de Kristo Reĝo ; de Kristo pli hela ol ĉiu lumo ; de Kristo reganta la publikajn aferojn ; de Kristo triumfanta en ĉiuj animoj.

La memoro pri ĉi tiu paĝo de la franciskana historio donas al mi la motivon, fini per arda deziro : ke Kristo regu en la individuoj por regi en la socio !

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio.